# INTERNACIA

JARO XIV, Sofia—Bulgario
januaro—marto 1970, № 1



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


# LA GRANDA V. I. LENIN

## 100-JARA DATREVENO DE LIA NASKIĜO



**VLADIMIR ILIĈ ULJANOV (1870—1970)**

**Vera amiko de Esperanto, de la interpopola kompreniĝo kaj interŝtata paca kunekzistado**

# V. I. LENIN — AŬTORO KAJ REDAKTORO

(El la rememoroj de Nadeĵda Krupskaja)

La publikigitaj tie ĉi rememoroj de la proksima kamarado kaj kunlaboranto de Vladimir Iliĉ Lenin Nadeĵda Konstantinovna Krupskaja estas eldiritaj je la 5-a de majo 1935 j. en la Kolona halo de la Domo de Sovetoj en Moskvo, ĉe celebro de la Tago de gazetaro. Ili estas presitaj en la sama jaro en numero 10-a de revuo „Bolŝevistkaja peĉat" (Bonlŝevista gazetaro). Post tio ili ne estas publikigitaj. La rememorojn de N. K. Krupskaja oni publikigas kun negrandaj mallongigoj.

Ĉiuj scias kian grandan signifon donis Vladimir Iliĉ al la gazetaro. En daŭro de sia tuta agado li arde batalis por disvastigo de la partia gazetaro, por disvastigo de ĝia influo. Mi rememoras la unuajn kunvenojn, kiam ni, la revoluciaj marksistoj, ne havis ankoraŭ eĉ konspiran gazetaron, kiam komenciĝis la publikigado nur de la unuaj alvokoj, presitaj per stencilaparato.

Vladimir Iliĉ strebis pridemandi ĉiun kamaradon, aŭtoro de alvoko, pridemandi pacience pri kio li skribos.

Ĉiu kunveno, en kiu ni pridiskutis tiajn alvokojn, transformiĝis en tre detaligitan konversacion pri tio, kiel estas necese skribi en konkreta momento pri iu aŭ alia tavolo da laboristoj.

Poste kiam dum la aŭtuno de 1905 j. oni organiz s la aperigon de konspira ĵurnalo kaj oni alpiaŝis al verkado de la unua numero, ĉiun artikolon ni pridiskutis ĉiuflanke. Vladimir Iliĉ ne nur pritaksis ĉu estas interesa por la amasoj iu aŭ alia artikolo, sed li strebis organizi helpantojn, kiuj kontrolu detale kiomgrade trovas akcepton inter la laboristaj amasoj tio, kion oni proponas trovi lokon en la ĵurnalo. Vladimir Iliĉ konsideris aparte grave, ke oni tuj substreku, ke oni akcentu tion, kio, antaŭ ĉio, interesas la laboristojn en la konkreta momento.

Mi memoras kiel, jam dum soveta tempo, kiam oni pridiskutis la transiron al NEP-o (Nova Ekonomia Politiko), Vladimir Iliĉ petis k-don Mihail Ivanoviĉ Kalinin komenci konversacion pri tiu temo kun la vilaĝanoj — delegitoj al la kongreso de la sovetoj. Kaj li mem sidiĝis en la angulon kaj priaŭskultis kiel kaj kion parolas la delegitoj. V. I. Lenis deziris aŭdi kiel, senĝene, parolos la delegitoj. Li scipovis, parolante kun la laboristoj, ilin ekmovi, direkti iliajn pensojn tiel, ke ili parolu pri tio, kion efektive ili sentas kaj travivas.

Konate estas kian grandegan signifon donis Vladimir Iliĉ al la ĵurnalo. Ĉu do li ne forveturis eksterlanden unuan fojon ne pro tio, ĉar oni persekutis lin, ne pro tio, ke li ne povas resti en Rusio, sed ĉar li opiniis, ke la eldono de tutrusa konspira ĵurnalo estas tiom grava afero, kiu devas stari je la unua plano.

Necese estas ke oni sciu, kio en la konkreta momento emocias la amasojn, kiel tion faris Vladimir Iliĉ.

Mi deziras diri ankoraŭ kelkajn vortojn pri la fabrikuzinaj ĵurnaloj. Al ili estas multe pri facile. Ĉar por ili la centraj ĵurnaloj estas multe pri atingeblaj kaj ili servas por modelo kiel oni devas ligi la teorion kun la praktiko. Sed ofte okazas tiel, ke la redaktoro absorbiĝas en iun ajn flankon, droniĝas entute en ĝin, ĉesante rimarki kio emocias la laboristojn en la konkreta momento. En ligo kun tio mi deziras halti sur unu flankon de la laboro de Lenin kiel redaktoro. Lenin strebis kolekti ĉirkaŭ la ĵurnalo grandan aktivularon — ne deko da kunlaborantoj, sed krei grandan kolektivon. Ĉe tio li ne nur formale kreis tiun kolektivon, sed laboris kun ĝi, instrukciis ĝin, instruis ĝin verki pri tio, kio estas necera. Tio, kion plej multe malamis Vladimir Iliĉ en la ĵurnaloj, estas la ŝablono.

La malnovaj redaktoroj ŝatis tondi la korespondaĵojn kaj la artikolojn je egala alteco. Ili deziris, ke oni uzu la samajn frazojn, esprimojn. Vladimir Iliĉ opinis, ke oni nepre devas permesi al la aŭtoroj — la laboristaj korespondantoj — paroli per sia lingvo, per siaj vortoj.

Ni prenu la antaŭvesperon de 1905 jaro. La materialoj por la konspiraj ĵurnaloj ordinare alvenis per la komitataj homoj. Opiniante, ke tian krudan materialon oni ne devas sendi, ili ĝin „prilaboris". Mi memoras, kiel koleris Vladimir Iliĉ, kiam anstataŭ konkretan, viglan materialon, kiun li tiel arde

Aleksandro Kononov — USSR

## LA BUSTO DE LENIN

En Parizo, la ĉefubro de Francio, estis organizita monda ekspozicio.

Ciuj landoj alportis por montri modelojn de aĵoj, kiuj estas famaj. Por ili oni konstruis apartajn domojn — pavilonojn.

La Soveta pavilono estis rekonebla de malproksime: sur ĝia tegmento altiĝis du grandegaj figuroj — laboristo kaj kolhozanino. Ili estis elfanditaj el nerusta ŝtalo. En siaj alte levitaj manoj ili tenis lumantajn je la suno serpon kaj martelon.

En la pavilono estis ekspoziciitaj objektoj pri kiuj fieriĝas nia patrolando.

Kaj en la plej granda halo meze de vivaj floroj alteniĝis la bronza busto de Vladimir Iliĉ Lenin.

Dum la ekspozicio la soveta pavilono estis vizitita de multaj homoj: venadis laboristoj, scienculoj, verkistoj, soldatoj vilaĝanoj, instruistoj...

Foje malfruvespere, kiam oni pretiĝis fermi nian pavilonon, venis iu blindulo. Lin kondukis per la mano virino kun malgaja mieno. Ŝi alkondukis la blindulon ĝis la busto de Lenin kaj retiriĝis flanken. La blindulo palpis permane la bronzan buston. Lia manplato tuŝetis la ŝultron de Lenin. Poste li levis la manon kaj komencis atente ĉirkaŭpalpi la bronzon.

La oficisto ĉe la pavilono demandis:

— Kiu estas tiu ĉi homo? Kion li volas?

La virino respondis:

— Mia edzo. En la milito liaj okuloj forbruliĝis.

La oficisto ekrigardis: anstataŭ okuloj la blindulo havis timigajn nigrajn kavojn.

La virino diris:

— Se vi scius kiom forta estis li!...

La blindulo levadis sian malgrasan manon ĉiam pli alten kaj jen liaj fingroj palpetis la belegan frunton de Lenin kaj ili retenis sin longe... Poste li mallevis la manon. Sur la vizaĝo malrapide fluis larmoj.

La virino diris:

— Mi ne povis rifuzi al li. Ja li eĉ ne unufojon vidis Leninon sur portreto.

La blindulo ĉiam ankoraŭ staris antaŭ la busto. Li ne forviŝadis siajn larmojn. Kelkfoje levis la kapon, palpetis atente la vizaĝon de Lenin kaj ĉiam tiel staris senmove, fikse rigardinta antaŭ si per siaj nigraj okulaj kavoj.

Fine li ekparoletis:

— Nun mi vidis lin. Mi vidis Lenin'on.

---

*Sergej Smirnov**

## Lenin

Staras li tre firme, konvinkita
Kirasaŭta ŝtalo — sub pied'.
Kaj en mano varma kunpremita
Ne fusilo — simpla nur kasked'.

Ĉie estas li,
Apude ĉiam,
Kun levita brako ĉi gigant'.
Sub rigardo lia patr-intima
Reviviĝis hom' de ĉiu land'.
Saĝa kaj modesta, etstatura,
Tia estas kara por amas',
ne per ŝtalo kirasita,
nure
Homo, kiu staras sur kiras'.

El la rusa:
Aleksandro Logvin

* Laŭraeto de regna literatura premio por 1969.

---

atendis el Rusio, venis preparita materialo, en kiu oni parolas per ŝablonaj frazoj, ke la laboro „marŝas bone".

Vladimir Iliĉ ree kaj ree skribis kolere al Rusio pri la neceso ke oni sendu viglan, konkretan, neprilaboritan materialon, ke tiu materialo devas esti skribita tiel, kiel la homo mem perceptas la faktojn, kiel li akceptas ilin. Kaj kiam oni tondas ĉion je sama alteco, kiam prilaboras la viglajn korespondaĵojn per ŝablona lingvo, la materialo perdas...

Ĉiu el ni, ĉiu partiano, labkor (laborista korespondanto), selkor (kamparana korespondanto), ĉiu homo verkanta artikolojn havas grandegan respondecon pri tio, kion li skribas, kiel li helpas al la ĵurnalo organizi sian laboron.

(La publikigaĵo estas elserĉita kaj pretigita de C. Dimitrov, aspiranto en la Akademio de la Sociaj Sciencoj en Moskvo)

# Interesa formo de gazeto!

## „VIVA GAZETO"

La Sofia Esperanto-societo „Maksim Gorkij" estas la plej multnombra kaj aktiva E-societo en la mondo. La estraro de la societo laboras laŭplane. Unu formo de agado de la societo estas la regulaj kunvenoj, amase vizitataj ankaŭ de membroj de aliaj ĉefurbaj E-societoj.

La estraro de „M. Gorkij" decidis plivariigi la societan agadon, fari pri riĉaj kaj interesaj la societajn kunvenojn. Tiu decido estis aprobita en kunveno de la societanoj. Unu nova kaj interesa formo estas la prelego de tempo al tempo pri la tutmonda Esperanto-gazetaro. Ne ĉiuj societanoj havas eblecon ricevi, trovi kaj legi fremdlandajn gazetojn kaj ĵurnalojn. Tial ili kun ĝojo akceptis la helpon de la ĵurnalista sekcio ĉe Bulgara Esperanto-Asocio. Jam ĝia prezidanto Ivan K. Esperov dufoje parolis pri la karaktero kaj pri interesa enhavo de la naciaj kaj internaciaj E-gazetoj kaj ĵurnaloj. Similan revuon de la tutmonda E-gazetaro oni organizis ankaŭ en kunveno de la Sofia blindula E-societo.

Tre utila kaj interesa formo de societa agado kaj kunvena laboro estas la „Viva gazeto" („Ĵurnalo parolata"). Ĉi estas malnova formo, tamen neregule uzata. La estraro de „M. Gorkij" ree turnis sin al la ĵurnalista sekcio kaj al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto".

Dum februaro en la plenplena societa klubejo oni prezentis tre varian „Vivan gazeton". La ĉefredaktoro de la gazeto Ivan Esperov malfermis la unuan paĝon de la „Viva gazeto" per enkondukaj vortoj pri la neceso, dum tiu streĉa epoko de scienctekníka revolucio, trovi novajn kaj trafajn formojn de Esperanto-agado. Li speciale menciis pri la valoro de la „Vivaj gazetoj". Post tio antaŭ la publiko sinsekve aperis la „ĉefartikolo" de la gazeto, la rubrikoj „Beletro kaj poezio", „Humoro kaj satiro", „Niaj mortigitaj herooj" (pri Angel Petkov), „Internacia korespondado", „Sciigoj kaj informoj", „Kroniko", „Poŝto", en kiuj partoprenis g-anoj Petja Ĉakova, Todorka Dunĉeva, Florina Ivanova, Ivan Malinski k. a. La lasta interesa rubriko estis „Lingvaj demandoj", plenumita de la sperta E-lektoro Simeon Hesapĉiev.

La Gazeto parolata kaj ĝia enhavo estis unuanime aprobita de la aŭskultantoj.

Jen kiamaniere anstataŭ la banala tagordo: *prelego de nur unu s-ano kaj fine — sciigoj*, dum la prezento de la „Viva gazeto" parolis ĉirkaŭ dek „ĵurnalistoj" (profesiaj, neprofesiaj kaj ordinaraj societanoj—iuj el ili por la unua fojo parolas aŭ deklamas antaŭ publiko), kaj pli ol dek aŭskultantoj aprezis la iniciaton kaj donis rekomendojn por plibonigo de la „Viva Gazeto".

K. L.

---

## *MULTIĜAS LA SOVETAJ ESPERANTO — ELDONOJ PRI LENIN*

*Post la dediĉita al Lenin kajero n-ro 2—3, 1969, de „Tra Soveta Ukrainio", la bulteno de la Ukraina Societo de Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Eksteraj Landoj, sekvis belaspekta libreto, entenanta la konatajn:*

*Rememoroj de Gorkij pri Lenin, eldonita de la Moskva Komisiono pri internaciaj ligoj de la sovetaj esperantistoj, majstre tradukita de la elstaraj sovetaj esperantistoj K. Gusev, I. Ĥoves kaj A. Zisman, post kiu venis la broŝuro:*

*„V. I. Lenin kaj la revolucia movado en Latvio„ de A. Drizulis, eldono de la Komisiono pri internaciaj ligoj de la latvaj esperantistoj, entenanta riĉan faktan materialon pri la rilato de Lenin al la latva proleta revolucia movado kaj samtempe malkovranta la historion de la latva proleta revolucia movado mem.*

# UZO KAJ EVOLUO

Pasintjare mi multe da energio kaj tempo elspezis por disputi kun Svadost lige kun lia libro „Kiel estas formiĝonta universala lingvo“.

Li estas speco de moderna kontraŭesperantano, sin maskanta sub buntaj vestoj de kvazaŭ-interlingvistiko. Ĉefaj liaj ideoj kaj argumentoj estas jenaj:

1. Principe artefarita internacia lingvo estas ebla, necesa kaj neevitebla.

2. La lingvo, kiun li pledas, kaj kiun ni konvencie por oportuneco de disputo nomis „Svadostlingva“, devas esti orientita ne al nunaj bezonoj, sed al bezonoj de estonta homaro.

3. Prilabori tiun lingvon ne kapablas iu simpla persono, sed nur areopago da sciencistoj el diversaj landoj.

4. Esperanto, eble plene kontentiganta nuntempan homon, absolute ne taŭgas por a rolo de „Svadostlingva“.

Niaj pasintjaraj disputoj ĉefe portis aspekton de rifuto de la sensencaĵoj kiujn li amasigis en sia verko pri Esperanto. Sed nun mi volus kritiki la „Svadostlingva“ - n mem en formo de ĝia plej perfekta, fantaziata de l'aŭtoro realigo.

Mi volas pasigi miajn rezonojn en formo de kunfronto, komparo kaj analogio, ĉar dume ekzistas neniu alia vojo prikonsideri la problemon. La lingvo, kiel ilo, povas esti kunfrontita kun iu simila ilo en iu alia sfero de interhoma komuniko — kun aŭtomobilo telefono, aŭ io simila.

Unu el ĉefaj eraroj de Svadost estas lia kunmikso de du fundamentaj ecoj de ĉiu ilo, nome: uzo kaj evoluo. Dum inter tiuj du nocioj estas grandega diferenco. La ilon, eblan por uzo, povas elpensi kaj elmajstri solulo. Dum la evoluo nepre estas socia fenomeno, kiun partoprenas kolektivo — socia. Kaj la evoluo pasas, kiel procedo de ĉiuflanka perfektigo kaj adaptigo de la ilo al bezonoj de l'uzantoj, kaj la leĝoj laŭ kiuj iras la evoluo, naskiĝas en uzo de la ilo, en praktiko de ĝia apliko.

Miksi tiujn du procedojn kaj funkciojn rilate al al ajna ilo estas kondamni ĝin al neefektivigeblo.

Ni prenu konkrete.

Nuntempa aŭtomobilo havas flugilajn formojn, ĝi posedas tutan arsenalon da aranĝoj en motora instalaĵo, surdigilon, filtrojn, pompojn ktp tutan aron da aranĝoj por orienteco de l'vojaĝanto, elektrolumon kaj tutan sistemon de elektroekipo, radioaparaton, diversajn kompartimentojn, ŝlosilojn, vitrolavilon, tutan arsenalon da aranĝoj por la kondukanto, signaladon de turnoj, de haltoj, sistemon de speguloj, sistemon de hidraŭlika ekipo, montrajn instrumentojn ktp.

Nun ni imagu, ke iu scienca kolektivo surbaze de rafinita prognozo ekvidus antaŭ 100 jaroj konvinkitajn signojn de l'apero de tiu transporta maŝino kaj decidus krei perfektan aŭtomovan ĉaron laŭ principoj de Svadost. Kolektiĝus areopago da sciencistoj, formulos programon, pridiskutus la vojojn de praktika scienca laboro kaj iniciatus necesajn en sfero de termodinamiko, elektrotekniko, hidraŭliko kaj diversaj kemiaj fenomenoj kun celo krei tian aŭtomobilon, kiu jam konsideru bezonojn de l'evoluanta homaro post 100 jaroj.

Estas nun demando — ĉu ni havus aŭtomobilon nun? Tute klare, ke ni ne havus.

Kaj en tiú ĉeno de konsideroj tre klare reveliĝas la ĉefa linio de trompiĝo. Naskiĝo de l'unua modelo estas plene pensebla kiel ago de unu aŭ kelkaj entuziastoj. Kaj evolua perfektigo de la tipo postulas partoprenon. de multaj miloj da interesitoj sciencistoj, inĝenieroj, simplaj uzantoj, kvalifikitaj kaj nekvalifikitaj laboristoj.

Same estas kun telefono. Same estas kun la artefarita lingvo.

Kaj rilate la lingvon la afero multe pli komplikiĝas ĉar ne nur iuj dediĉintaj sin al ĝia sorto specialistoj okupiĝas pri ĝia evoluo, sed absolute ĉiuj uzantoj. Fordoni la lingvon al arbitro de sciencistoj estus anticipa ĝia mortigo, kion bone montris la historio de Ido. Ĉar la lingvon ja bezonas kaj infanoj, kaj studentoj, kaj hejmaj mastrinoj, kaj laboristoj, kaj vilaĝanoj, kaj kuracistoj, kaj ĉiuj sciencistoj. Kaj absolute ĉiuj kategorioj de homoj, uzantaj ĝin, partoprenas en

ĝia evoluo. Kaj la evoluon oni ne povas anticipe desegni *kaj* enprogramigi car ĝin kondiĉas bezonoj, sciencaj atingoj, inĝenieraj inventoj kaj ĉiutaga vivo de ĉiuj tavoloj de socio, ĝenerale *stimuloj, naskiĝantaj en* procedo de praktika uzo de la lingvo.

Tiamaniere miksi du principe diversajn kategoriojn—uzon kaj evoluon—estas tiu mensvojo, kiun mi nomis en unu el miaj recenzoj de la verko „profana fantazio", kaj kiu laŭ rusa literatura tradicio estas nomata „manilovismo" laŭ nomo de unu el karakteroj de romano de N. V. Gogol „Malvivaj animoj", kiu ĝuste okupiĝis pri kreo de similaj fantaziaj projektoj.

**N. Danovskij**

## SLOVAKA HUMORO

*— Mi perdis monbileton de 50 kronoj Diru al mi, mi petas, ĉu iu ne trovis la monon?*

*— Ne. Hodiaŭ oni trovis 100-kronan monbileton.*

*— Bone. Donu ĝin al mi, mi redonos la 50 kronojn.*



*Sen vortoj* (Ojlenŝpigel)

*— Amiko, ĉu vi donus al mi cigaredon?*

*— Mi ne havas. Mi malkutimiĝis . . .*

*— Vi jam malkutimiĝis fumi? ! . . .*

*— Ne, mi malkutimiĝis regali cigaredojn.*

## TRA LA ESPERANTO-GAZETARO

### „DOLOROJ DE ESPERANTO"

### Paca samideana interpafado

Jen — aperis kaj tuj malaperis la unuanura internacia E-gazeto. Sub ĝia titolo oni legas: „La plej populara dumonata Esperanto-gazeto", senpaga suplemento de „Esperanto" (de UEA), eldonata por via amuzo kaj distriĝo. Aperos de nun regule unufojon por ĉiam. Eldonos: „Doloroj de Esperanto", leĝe senpersoneca societo kun pure incita celo. Redaktoro: serĉata.

Jen iuj el la titoloj de „Doloroj de Esperanto": "IGE en Indonezio", „Sendependa kritiko donis neatenditajn fruktojn" (ĉefartikolo), „Nia konkurso" k. a.

La unuanura gezeto „Doloroj de Esperanto" sukcese kontribuas (kiel ankaŭ „Esperanto-Gazeto" de IOE, „Heroldo de Esperanto", „La Suda Stelo" kaj aliaj) por la variigo kaj pliriĉigo de la rubriko „Tra la gazetaro — paca interpafado" de nia „Internacia Ĵurnalisto".

En sekvanta numero de „Esperanto" de UEA estis publikigitaj leteroj de ĝiaj legantoj, kiuj malaprobas la aperon de „Doloroj de Esperanto". La cetera gazetaro (ankaŭ la kritikata en „Doloroj . . .") silentas.

### „EĤOJ KAJ REEĤOJ"

Kaj „La Suda Stelo" ree pace pafadas nun per sia rubriko „Eĥoj kaj reeĥoj" en n-ro 4/1969 j. En longa artikolo sub titolo:

**„Preseraroj de Radio Zagreb" kaj eraroj de iu redaktoro**

La konata jugoslavia s-ano Petar Vukomanoviĉ la malnovan problemon pri la E-stagnado. Inter alie li skribas:

„Eĉ al kompleta naivulo aŭ laikulo fariĝus tute klare kelkaj kialoj de la nuntempa stagnado de E-movado — se oni tralegus almenaŭ unu el kvar artikoloj de la julia numero de LSS" („La Suda Stelo" noto de „IĴ").

„Por ne tedi min mem per la reciprokaj „interpafadoj" Sekelj-Popoviĉ kaj la apuda sekundanta asisto de iu S. M., mi atentigas nur pri tiu kvara artikolo el la rubriko **Pretere:** „Preseraroj de Radio Zagreb". Tiu artikolo svarmas de tiaj *meditaĵoj, miskonkludoj kaj konfuzaĵoj*, ke post tia „koktelo", vere sengusta kaj senprincipa, la leganto tute prave povas konstati: Jen kial stagnas nia movado! Tiaj meditaĵoj nur semas dubojn kaj konfuzon, „venenigas sangon", provokas kaj pliakrigas konfliktojn inter esperantistoj!"

Temas pri la enketo de Radio Zagreb kaj pri la enhavo de la intervjuoj kiuj donis antaŭ la Radio s-ano Vukomanoviĉ kaj alia deko da konataj esperantistoj pri la objektivaj kaj subjektivaj kialoj de la stagnado en la E-movado. La aŭtoro P.V. proponas:

„Tute inverse al „S. M. — vidpunktoj" *mi opinias ege necesa aŭdi opinion* de ne nur nuntempaj aktivuloj kaj de „neaktivuloj", sed ankaŭ eĉ de ordinaraj civitanoj surstrate kaj diversaj funkciuloj-neesperantistoj, al kiuj oni devus starigi tute simplan demandon:

— Kion vi opinias pri Esperanto? Kial ĝi

## SENTENCOJ PRI LABORO RAJ ARTO

*„Grandvalora eco de arto estas ĝia sincereco".*

***Leo Tolstoj***

*Verki — signifas Kanti."*

***Maksim Gorkij***

*„Ĉio pasas tra vortoj kaj ĉio estas reserĉata en ili".*

***Pol Lafarg***

*„Leganto akra bezonas planecon de vero pri la vivo."*

***Aleksandar Tvardovskij***

*„Verki dum la vivo unu bonan libron estas pli ol sufiĉe".*

***Leo Tolstoj***

*„Por la homo talenta, kiu ŝatas labori ne ekzistas barajôj".*

***Ludvig Bethoven***

*„Beleco — far'de gustoj; por mi ĝi estas plene en vero."*

***Ilja Repin***

*„Arto devas forigi perforton. Kaj nur la arto povas fari tion".*

***Leo Tolstoj***

*„Mi ne komprenas kiel oni povas verki kaj ne refari ĉion plurfoje".*

***Leo Tolstoj***

***Kompilis kaj tradukis:***
***Al. Logvin***

## MODERNIGO DE LA CENTRA OFICEJO DE UEA

La Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio, en Rotterdam, plue moderniĝas. Post nelonge ĝi estos ankaŭ ekipita kiel presejo, kun ĉiuj necesaj maŝinoj por malgrandformata ofset-presado.

Jam pli frue necesis akiri fotokopian aparaton, novajn kalkul-maŝinojn kaj aliajn helpilojn por rapidigi la laboron. Nun la Estraro de UEA aprobis planon por aĉeto de komposto-maŝino, malgranda presmaŝino kaj fotografia aparato necesa por ofseta preslaboro. La plano ebligos ŝpari monon je la produkto-kostoj de diversaj presaĵoj kaj, aliflanke, plibonigi la aspekton de multaj dokumentoj kaj bultenoj, kiuj nuntempe aperas en stencilita formo.

La unua ŝtupo de la plano — la aĉeto de komposto-maŝino — jam realiĝis, kaj la maŝino estas jam uzata en la Centra Oficejo

stagnas laŭ via opinio? Kiamaniere progresigi ĝin?...

„... S. M. certe scias, ke tian enketon estas pli facile efektivigi pere de la revuo ol pere de la radio. Nevidante la bezonon por la enketo li fakte montras ke li ne vidas la stagnadon de la movado, aŭ — eĉ pli katastrofe: se li ĝin vidas, li nenion entreprenas ke LSS batalu kontraŭ ĝin!..."

La redakcio donis lokon al la artikolo — refuto de la kritikata de ĝi aŭtoro intervjuito de Radio Zagreb. Sube de ĝia artikolo tamen la redaktoro de LSS Simo Milojeviĉ (S. M.) respondas al P. V-ĉ sub la titolo:

### Bonvenon

„Mi eniris la Movadon en la tempo kiam ĝin gvidis Petar Vukomanoviĉ. Multon mi lernis de li, sed feliĉe ne tion kio karakterizas lian supran reeĥon al mia komento en LSS 2—3/69. .."

„Estas vero — interalie skribas S. M. — ke mi ion celis per mia artikolo, ion alian kion Vukomanoviĉ ne rimarkis, kaj kion mi atingis: ke li kaj kelkaj aliaj eksaj kaj iamaj, almenaŭ koleriĝu kaj anoncu sin"...

„Nu, ĉiuokaze — bonvenon al Vukomanoviĉ sur la paĝoj de LSS!..."

Kaj, laŭ la deziro de P. V. li — ne tute ofendita de P. V. — subskribas sin ne per inicialoj, sed plennome.

Kaj la interpafado ne ĉesas per tio. Sub la rubriko

### Prefere kaj malpretere: Miraklo en (M) Alicolando

ni legas sur la sama paĝo (777) de LSS ankoraŭ unu bonvenitan refut-artikolon — nun de s-ano Tibor Sekelj. Respondo al la artikolo „Alico en Miraklolando", LSS 1/69:

„Mi bedaŭras — skribas T. Sekelj — ke en kelkaj lastaj numeroj LSS uzas siajn paĝojn okupiĝi pri tiaj bagatelaĵoj kia estas mia poresperanta laboro..." kaj T. S. profunde dankas al la prezidanto de Jugoslavia E-Ligo Popoviĉ"... liajn flatajn vortojn kiel „troiganto", „klaĉado", „misuzo", „abomenaj rimadoj" ktp., supozante ke ili estas direktitaj al mia sensignifa persono, kiu eble eĉ ne meritas tian honoron, kaj mi nur deziras lin peti estonte esti iom pli ŝparema pri tiaj laŭdaj esprimoj..."

S-ano T. S. mencias pri sia diversflanka E-agado kaj demandas la prezidanton de JEL s-anon Popoviĉ:

„Kiel vi vidas, kara Prezidanto, mi staras tie senlabora, kaj petas vian konsilon **kiel reveni al la movado?** Kie troviĝas tiu **„movado"** al kiu mi devas reveni?"

Kaj li respondas ankaŭ al la redaktoro de LSS s-ano S. M., kiu deziras ne nur la amikecon de T. S., sed ankaŭ lian barbon.

Kompreneble, ankaŭ S. M. (Simo P. Milojeviĉ) tuj elŝuldiĝas al T. S. sub la tuj sekvanta titolo:

**„Tenta pento"**

ne plenumante la postskribitan noton de T. S. en kiu ni legas: „P. S. Nur unu postpeton: ne ĝenu vin respondante. Ni ne misuzu la paciencon de la legantoj de nia kara organo... kaj nian propran. Dankon".

Jen kion skribas S. M-ĉ;

„Sciis mi ke Tibor Sekelj lerte elturniĝos, ĉar, estis li kiu antaŭ multaj jaroj superruzis eĉ la frandeman kanibalan tribon de Tuparioj en Amazonio — Tibor forkuris, kaj la tribo ne sukcesis gustumi „sekeljgulaŝon". En postskribo S. M. skribas: „Jen mia vico por peti ke Tibor Sekelj ne ĝenu sin respondante. Li ja scias, ke mi ĝis nun pretere komunikis nur dekonon de tio kio al mi estas konata".

Certe temas pri dekono da E-agadoj.

La paca Interpafado certe daŭros.

I. Esp.

## APERIS DUA OFICIALA BULTENO

Al ĉiuj aliĝintoj de la 55-a UK estas sendita la Dua Oficiala Bulteno, kiu en formo de 32-paĝa broŝuro en kartona kovrilo kun 4 ekstraj flugfolioj prezentas abundan informan materialon pri la aranĝoj de la kongreso, inkluzive mendilojn por loĝado, ekskursoj, bankedo kaj oficiala postkongreso en Linz. Krom la temoj de internacia film-konkurso, oratora konkurso kaj belartaj konkursoj 1970 la Dua Bulteno publikiĝas ankaŭ sciigojn pri la 11-a Internacia Infankongreseto, kiu okazos paralele kun la UK en Vieno. Al la Bulteno estas aldonita speciala atestilo, kiu ebligas rabaton ĉe la fervojo por la kongresanoj veturontaj al Vieno.

### Teatraj vesperoj

Inter la kulturaj aranĝoj de la Universala Kongreso aparte signifan lokon havas la teatraj vesperoj. Por Vieno estas invititaj Silezia Teatro de Opava (Ĉeĥoslovakio) kaj Bulgara Esperanto-Teatro. La unua proponis lirikan versdramon „Manon Lescaut", la alia folkloran komedion „La virina regno". La prezentadoj okazos en la klasikstila Raimund-theater.

### Urboplano de Vieno

Oportuna urboplano, en kiu estas notitaj la plej gravaj vidindaĵoj kaj ĉefaj stratoj de Vieno, estos sendita al ĉiuj kongresanoj kun la Kongresa Libro 1970. La LKK jam ricevis 3000 ekzemplerojn de tiu ĉi — precipe por eksterlandanoj — utila gvidilo.

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

**— Kio estas MEM? —** Broŝuro 18 paĝa, ilustrita. Per diversaj artikoloj la gvidantoj de Mondpaca Esperanto-Movado respondas al la demando: Kio estas MEM? Eldonis la Ĉeĥoslovaka MEM-Redakcio de „Paco".

**— La lando de Alvagonzalez** — verskolekto de la hispana poeto Antonio Machado (1875—1939) — mortinta en Francio. Belaspekta 48-paĝa libreto. La versojn tradukis F. de Diego. Eldono de Hispana E-Federacio, Zaragoza, Hispanio 1969 j.

**— Esperanto — lingvo de la mondo —** 40 jaroj Esperanto-societo „Paco", Bjala, Bulgario. Ilustrita 32-paĝa libreto — jubilea kun memorigaj artikoletoj kaj aliaj materialoj en bulgara lingvo. Eldono de: Regiona domo de pioniroj kaj Esperanto-societo „Paco" en urbo Bjala. Redaktoroj: S. Balĝiev kaj Iv. Severnjaŝki.

**— Somera Esperanto-Universitato en Gyula, Hungario** (5—11 julio 1970), Broŝuro-programo pri la kultura E-Universitato.

**— „Turista Mondo" —** Esperanto-revuo de la kvar sezonoj. Abono por kvar numeroj — 20 ŝ. La unua n-ro estas 8-paĝa, grandformata. Ĉefredaktoro — nia TEĴA-ano H. J. Unger, Svislando.

### *NIA POSTO*

*— **Avoto** (A. W. Thomson) 315, Bellegrove Road, Welling. Kent, Anglio. — Kun ĝojo ni informiĝis pri via konsento estiĝi reprezentanto de TEĴA por Britlando. Dankon. „IJ" atendas viajn kunlaboraĵojn.*

*— **W. Auld** — ĉefredaktoro de „Norda Prismo". — Kiel ne ekzistas lando (nomata) „Sennacujo", tiel same ne ekzistas ankaŭ „Internacujo". Sub la unua nomo estas konataj internaciaj laboristaj organizaĵoj, ankaŭ ilia himno „Internacio". Do — Internacujo ne ekzistas. Ĉu Sennacujo ekzistas? Tutkore via — Iv. Esp.*

*— A. Logvin — USSR. Dankon pro ĉio sendita.*

**Ĉiuj membroj de T.E.Ĵ.A. estas petataj tuj sendi sian membro — aŭ abonkotizon por la pasintaj kaj por la nuna 1970 jaro al la komitatanoj, al la reprezentantoj de T.E.Ĵ.A. aŭ rekte al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto"!**

**Redaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98
Sofio 2, Bulgario, tel. 83-34-04**